# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 30/11/2014 Cent naŭdek tria eldono 30/11/2014** SENDITA (unua eldono 20/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

★★★★★★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★

## 47. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO LA VERBO.



Nur vorto havanta unu el la finaĵoj –as, -is, -os, -us, -u aŭ –i estas verbo. Verbo ĉiam indikas agon, eĉ se temas pri stato. Moderne ni ja scias, ke bezoniĝas energio (kio estas ago) por teni la subjekton en certa stato. Ni do ne plu dividas la verbojn en agajn kaj statajn. Ĉiuj indikas agon. Same ni ne plu dividas ilin en daŭraj kaj nedaŭraj, ĉar eĉ en la momentaj agoj ni povas vidi daŭron, ekz. per malrapidigo de filmo. (Ĉe kelkaj tre longdaŭraj agoj la verbo indikas tiun parton, pri kiu interesiĝas la parolanto, ekz. "Oni ne rajtas ŝteli".

Same kiel la substantiva vorto, ekz. "tablo", indikas la tutan tablon, ne parton de ĝi, tiel ankaŭ la verbo indikas la tutan agon, de komenco ĝis fino. Se do mi diras, ke mi marŝis hejmen, mi celas la tutan marŝadon de komenco ĝis fino.

Notu ke se en la sekvontaj lecionetoj mi mencias substantivon, tio inkluzivas pronomon (ekz. "oni"). Kaj se mi mencias adjektivon, tio inkluzivas numeralon kaj pronomon adjektivan (ekz. "tia"). Kaj se mi mencias adverbon, tio inkluzivas pronomon adverban (ekz. "kiel").

Marcel Leereveld.

**Sendu viajn fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**

## AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu ! Vidu Paĝojn 6, 7, 8.**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Zamenhofa Festa informo.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto-Domo Sidnejo Dimanĉon la 14an de decembro



Pordoj malfermiĝos je 11atm, manĝo ktp ĝis 1ptm. Sin-prezentaj paroletoj de ĉiuj? Poste 3 volontuloj parolos en Esperanto pri interesaj temoj dum 10 ĝis 15 minutoj. Naskiĝtagkukoj, pli da manĝo, trinkado, interamikaj konversacioj, renkontiĝoj kun malnovaj kaj novaj amikoj. Finiĝos ĉirkaŭ 4 ptm.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## La Esperanto-Federacio de Viktorio

Invitas vin al nia "Zamenhofa Festo"6.30 ptm, Sabato 13a Decembro 2014 Ĉe la "Melbourne Unitarian Peace Memorial Church" 110 Grey Street, East Melbourne Ĝuu vesperon de muziko, kantoj, parolado, kaj aliaj distraĵoj.
Bonvolu alporti pladon. Ni esperas ke vi celebros kun ni

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## La Adelajda Esperanto-klubo.

Kiel kutime en Adelajdo, ni festos la grandan okazon ĉe Indrani, 71 Hindmarsh Circuit, Mawson Lakes, sabaton la 13-an de decembro, je la 16-a horo. Informo el „Tamen Plu"



## La Esperanto-Doma Gastdormejo. Estontaj gastoj

Indrani BeharryLall el S.Aŭs. alvenos Dec.30 kaj foriros aŭ Jan.1 aŭ Jan.2,
Ilia Dewi el Indonezio je la 29a de decembro kaj restos ĝis la 1a de Januaro.
Jesa (Hyon-suk) Entute 4 **koreinoj** restos ekde la 13-a ĝis la 19-a de januaro.




Sur tiu filmeto vi povas vidi Jesa (Hyon-suk) kiu deziras restadi en Esperanto-domo.
[https://www.youtube.com/watch?v=pzVHUHxNuQc](https://www.youtube.com/watch?v=pzVHUHxNuQc)
Amike, Nicole



## Esperanto-Domo Sidnejo

Merkredon la 26an de nov Roger Springer laboris en la korto kaj domo, Margaret Chaldecott laboris farante ĝeneralajn oficejajn/domajn laborojn kaj Ian Wylles laboris en la arĥiva ĉambro. Ŝtelisto envenis dum ni laboris ekstere malantaŭ la domo.
La ŝtelisto ŝtelis la mansakon de Margaret. Mi informis ankaŭ la bankon de la EFNSKon kaj nuligis la monkarton de la EFNSK.

**La venonta aferkunveno okazos je dimanĉo la 30an de Novembro.**

10.30atm preparado por la kunveno, 11atm komenciĝos la aferkunveno, 1ptm lunĉo, 2ptm programo, 3ptm kafo, 4ptm fermiĝos la kunveno.

## Malkovru Esperanton (Sur Paĝo de Doctor Dada Jonathan Cooper)

Also in English
Por tiuj kiuj interesiĝas pri Esperanto, sed deziras iom pli ol nur rapidan resumon, ekzistas alloga multkolora 24-paĝa libreto, kiun oni povas elŝuti senpage, nomata "Discover Esperanto".
Ĝi estas angla traduko de la Esperanto-libreto "Malkovru Esperanton", produktita de ILEI kaj E@I.
Ĝi estas ankaŭ disponebla en ses aliaj lingvoj, inkluzive de Esperanto.




**Enhavo**

1. Bazaj informoj pri Esperanto
2. Lingva prezenteto de Esperanto
3. Personaj rakontetoj pri Esperanto
4. Zamenhof, iniciatinto de Esperanto
5. Esperanto el psikologia vidpunkto
6. Kutimaj demandoj pri Esperanto
7. Lokaj informoj pri Esperanto



## ESPERANTO OFICIALE FARIĜIS NEMATERIA KULTURA HEREDAĴO DE POLLANDO

La 20-an de novembro prof. Małgorzata Omilanowska, la pola ministro pri kulturo kaj nacia heredaĵo, aprobis lokigon de la lingvo Esperanto sur la "Polan liston de nemateria kultura heredaĵo".

Tio estas rezulto de klopodoj iniciatitaj de Edmund Wittbrodt, membro de la pola senato, kaj s-ro Kazimierz Krzyżak, estrarano de la Pola Asocio Eŭropo-Demokratio-Esperanto (EDE-PL).

La nuna sukceso estas bazo, antaŭkondiĉo por proponi al UNESKO enlistigi Esperanton sur la "Reprezentan liston de nemateria kultura heredaĵo de la homaro".

Gratulon al la pola sekcio de EDE! **Lingvo-Studio, L.S.** **www.eventoj.hu**

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

### 2014-11-27 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (27/11/2014) ĉeestis

Heather, Indrani, Jonathan, Kam Lee, Margaret, Sandor kaj iomete Bradley el Novzelando

*** DISKUTO KUN BRADLEY MCDONALD**

Ni diskutis pri la Esperanto-Movado en Nov-Zelando. Bradley ne estas kontenta kun la nuna situacio en NZ. Ni provis kuraĝigi lin.

*** VENONTA KONGRESO EN 2015 EN MELBURNO EN JANUARO**

- La Melburna Klubo decidis pagi por la partopreno de Teofilo el Orienta Timoro.
- Ni havos kelkajn internaciajn partoprenantojn: Ilia el Indonezio, Teofilo el Orienta Timoro, Serge el Novkaledonio, 2-4 el Koreio, kelkajn Novzelandanojn, eble 4 Sudafrikanojn
- La programo evoluas. Ne hezitu kaj prezentu ion.

*** ROBERT BUDZUL - LIBROSERVO**

Kam **vere** sendos kelkajn librojn al Heather en Melburno.

*** ADRESARO**

Estas multe da laboro. Heather devas kontroli ĉiun adreson.

*** ESK**

Ni ankoraŭ intencas havi numeron antaŭ kristnasko. Ni devas finverki la artikolojn.

*** KOMUNA RAPORTO**

Jes, ni refoje skribos komunan raporton.
La venonta Skype estrarkunveno okazos ĵaŭdon, la 11-an de dec, je la 19:00 (18:30)
Heather, Kam Lee, Indrani, Jonathan, Margaret, Sandor

## La ŝlosila libreto celas propogandi Esperanton.




Ĉu vi havas pli bonan metodon por rapide klarigi pri Esperanto al ne-Esperantisto?
Roger Springer

# Pasporta Servo: Internacia gastiga servo per Esperanto

Pasporta Servo estas adresaro de homoj el la tuta mondo, kiuj senpage akceptas gastojn en siaj hejmoj. Por tio, la gasto(j) kaj la gastiganto(j) devas nur scipovi Esperanton. La adreslibro 2011 enhavas 1089 gastigantojn el 90 landoj.
La gastigantoj indikas la kondiĉojn, ekz-e pri nefumado, aŭ la nombro da gastoj aŭ tranoktoj, kaj povas mencii diversajn komentojn pri siaj interesoj, deziroj, atingebleco kaj simile.
Gastigantoj ĝuas akcepti homojn de diversaj landoj, gastoj ĝuas senpagan restadon, kaj ili facile interkomunikas per Pasporta Servo. Ofte, gastigantoj helpas al gastoj pri transportado, ekkoni la lokon, ktp.

# Kondiĉoj por la uzado de Pasporta Servo

Pasporta Servo estas servo de la Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO). Ĝiaj celoj estas faciligi vojaĝadon al Esperantistoj, kaj tiel helpi al la starigo de kontaktoj trans limoj de lingvoj, kulturoj kaj generacioj.
Gastoj kaj gastigantoj devas scipovi la Internacian Lingvon Esperanto.
Gastoj rajtas laŭ interkonsento je senpaga tranokto ĉe la gastiganto. Pri eventualaj servoj aŭ komunaj aktivecoj kiel manĝoj, ĉiĉeronado kaj simile la gastiganto kaj la gasto interkonsentu.
Pasporta Servo rajtas esti uzata nur por la menciitaj celoj kaj ne por aliaj kiel ekz. helpopetoj, korespondopetoj, anoncoj, varbado…
La gasto devas respekti la regulojn kaj kondiĉojn de la gastiganto laŭ la informoj en la paĝaro kaj interkonsento.
Gastigantoj kaj gastoj raportu al la PS-teamo pri eventuala misuzo aŭ malrespekto de reguloj de PS fare de aliaj uzantoj. Pro la naturo de la servo, ni ne povas garantii la ĝustecon de la informoj, nek akcepti ajnan respondecon kaze de misuzo.

## Aŭstraliaj Gastigantoj   Pasporta Servo   E-gastigantoj tra la mondo

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Alan T<br>**Fountaindale**<br><br>Penelope V<br>**Candelo**<br><br>**Carlton**<br>Aŭstralio | Miranda L<br>**Pascoe Vale South**<br><br>Paul G<br>**Tura Beach**<br><br>Kay A<br>**Brisbane** | Robert B<br>**Hobart**<br><br>Ian G<br>**Grovedale**<br><br>**Kingscliff**<br>Aŭstralio | Indrani B<br>**Mawson Lakes**<br><br>John G<br>**Lilydale**<br><br>Franciska T<br>**Mount Evelyn** | Paŭlo D<br>**O'Sullivan Beach**<br><br>Bernd W<br>**Mount Stuart**<br><br>Marumi S<br>**Torquay Vic** |

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj<br>**Listigitaj en la AEA ret-paĝoj kaj Aliaj** | Vidu<br>AE184 | Vidu<br>AE185 | Vidu<br>AE186 | Vidu<br>AE187 | Vidu<br>AE188 | Vidu<br>AE189 | Vidu<br>AE190 | Vidu<br>AE191 | Vidu<br>AE192 | Vidu<br>AE193 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **AEA informas** | | AE185 | | AE187 | | AE189 | | AE191 | | AE193 |
| **Brisbana Esperanto-Societo** | | | | | | | | | | |
| **Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | | | | | | |
| **Centra-Marborda Esperanto-Klubo** | | AE185 | AE186 | AE187 | | | | AE191 | | |
| **Esperanto-Federacio de Nov-Sud-Kimrio** | AE184 | AE185 | | AE187 | | AE189 | AE190 | AE191 | AE192 | AE193 |
| **Esperanto en Sudaŭstralio** | AE184 | | | | | AE189 | | AE191 | | |
| **Esperanto-Federacio de Viktorio** | | | | | | | | | | |
| **Esperanto -Kafo-Klubo De Kanbero** | | | | | | | | | | |
| **Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio** | | | | | | | | | AE192 | |
| **Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia** | | | | AE187 | | | | | AE192 | |
| **Manlia Esperanto-Klubo** | AE184 | AE185 | AE186 | | AE188 | | AE190 | | AE192 | |
| **Melburna Esperanto-Asocio** | | | AE186 | | AE188 | AE189 | | AE191 | | |
| **Melburna "Meetup" Grupo** | | AE185 | | | | | | | | |
| **Tasmania Esperanta Societo** | | | | | | | | | | |
| **Toowoomba Esperanto-Societo** | | | | | | | | | | |
| **Torkia Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | | | | | | |

**Informu AE se la listo eraras rspring@tpg.com.au**

**Sendu informon pri via klubo**

Estigu parto de la estonta historio de Esperanto ĉe Aŭstralio

# Kial via Klubo ne estas en la supra tabelo??

# KONGRESEJO

congress venue



International House
Melbourne University
241 Royal Parade
Parkville, Victoria 3052

Tel: +61 3 9347 6655

*Estas 15-minuta tramvojaĝo al la centro de Melburno*

*It's a 15 minute tram ride to the centre of Melbourne*



AŬSTRALIA ESPERANTO-ASOCIO
NOV-ZELANDA ESPERANTO-ASOCIO

## kongreso de esperanto kaj somerkursaro

# MELBURNO



**2-11 January 2015**

**ESPERANTO congress and summer school melbourne**



# PROGRAMO

## por esperantistoj kaj lernantoj

- Klasoj de Esperanto je du niveloj
- Vespero de teatro kaj muziko
- Esperanto-ekspozicio
- Bankedo
- Ekskursoj
- Prelegoj pri Esperanto kaj aliaj temoj
- Babilado, ridado
- Jarkunveno
- Amikiĝo, planado

La unua ero estos vespera kunmanĝo vendredon la 2-an de januaro

La lasta ero estos la matenmanĝo de dimanĉo la 11-a de januaro



Bonvolu konsulti aea.esperanto.org.au pri ĝisdatigo de eventoj, kaj konsultu Heather, se vi volas kontribui al la programo

heather@melburno.org.au aŭ 03 9525 4295

**The international language, Esperanto: the simplest language to learn!**

Use it to travel the world or as a kick-starter for more difficult (and expensive!) languages.

Please visit our website: aea.esperanto.org.au for more information on events.



# PROGRAM

## for esperantists and learners

- Esperanto classes in two levels
- Evening of theatre and music
- Esperanto exhibition
- Banquet
- Excursions
- Lectures about Esperanto and other topics
- Conversation and laughter
- Annual General Meeting
- Making friends, planning

The first event will be an evening dinner on Friday the 2nd of January

The last event will be the breakfast of Sunday the 11th January

# ALIĜFORMULARO
registration form

Antaŭnomo ______________________
First name

Familia nomo ______________________
Surname

Adreso ______________________
Address

______________________

______________________

Telefono ______________________
Telephone

Poŝtelefono ______________________
Mobile

Retadreso ______________________
Email

Specialaj manĝbezonoj ______________________
Special dietary requirements

______________________

Mia kontribuo al la programo ______________________
My contribution to the program

______________________

______________________

______________________

Demandoj aŭ komentoj ______________________
Questions or comments

______________________

______________________

Bonvolu respondi frue ke ni povu finaranĝi la loĝadon. Anticipan dankon.
*Please respond promptly so that we can finalise the accommodation. Thanks in advance.*

*Se vi deziras ke viaj detaloj ne aperu en la kongreslibro, bonestu informi nin.*
*If you don't want your details to appear in the congress book, please let us know.*

| | |
|---|---|
| Loĝado ĉe Internacia Domo - unuopa ĉambro kun komunaj necesejo kaj banĉambro, kun matenmanĝo, tagmanĝo kaj vespermanĝo<br>Accommodation at International House - single room with communal toilet and bathroom, including breakfast, lunch and dinner | tage - $90.00<br>daily<br>9 tagoj - $810.00<br>9 days |
| Bankedo<br>Banquet | $50.00 |
| Aliĝkotizo<br>Registration fee | Plenkreskulo - $150.00<br>Adult<br>Studento - $100.00<br>Student |

*Infanoj malpli ol 16-jara, akompanate de plenkreskulo, aliĝas senpage*

*Children under 16 years of age, accompanied by an adult, participate for free*

| | $ |
|---|---|
| Loĝkostoj por _____ noktoj<br>Accommodation for # nights<br>Datoj: ___/___/___ ĝis ___/___/___<br>Dates until | |
| Bankedo Banquet | |
| Aliĝkotizo Registration fee | |
| Donaco Donation | |
| Sume Total | |

Bonvolu sendi tiun ĉi formularon kune kun ĉeko al:
Please send this form with cheque made out to:
"Melburno Esperanto AEA A/C"
Australian Esperanto Assoc.
C/- GPO Box 2122, Melbourne 3001

aŭ deponu bankpagon en la AEA konto:
or bank deposit to the AEA account:
Commonwealth Bank
BSB: 063 104 Account No:10477294

## Jen la afiŝo por la UK en Lille Amike, Nicole

